16-a jaro. — N-ro 3 (181) Marto 1930




Fondita en 1908

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :
H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

JARA ABONPREZO : Fr. 20,—
EKSTERLANDO : Belgoj 5.—

ANTVERPENO
1930



BONVOLU PAGI VIAN KOTIZON 1930.

# Belga Ligo Esperantista

**Fondita en 1905.**

Honora Prezidanto: **Princo Leopoldo, Duko de Brabanto.**

(Honora Prezidinto : formortinta Generalo Grafo Leman).

**Estraro :**

Prezidanto pro honoro : A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Prezidanto: F. Schoofs, Kl. Hondstr.,11, r. du Petit Chien, Antverpeno.
Vic-prezidantoj : L. Cogen, Dreef, 52, Drève, Ninove.
P. Kempeneers, r. aux Laines, 20, Wolstr. Bruselo.
Ĝen. Sekretario: H. Petiau, St. Lievenlaan, 60, Bd. St Liévin, Gento.
Kasisto : M. Jaumotte, Lage Weg, 254/14, Chemin Bas, Hoboken.

Direktoro de la oficiala organo : F. Schoofs.

**Komitato :**

**Konstantaj komitatanoj :** Cam. Babilon, L. Champy, M. Elworthy-Posenaer, Fr. Schoofs, Osc. Van Schoor.

**Delegitoj de la Grupoj :**

AALST : Grupo « Pioniro ». — R. De Kegel.
ANTVERPENO : « La Verda Stelo », S. s. p. c. — M. Jaumotte, A. Faes.
BRUĜO : Bruĝa Grupo Esperantista. Yv. Thooris, Ch. Poupeye.
BRUSELO: Brusela Grupo Esperantista. - P. Kempeneers, R. Brihay.
BRAINE-L'ALLEUD : «La Verda Stelo de Brajno ».
CHARLEROI : — Karloreĝa Grupo Esperantista. — A. Henraut.
GENTO : Genta Grupo Esperantista. — H. Petiau, Cl. Van de Velde.
KORTRIJK : Grupo Esperantista. — C. Vanbiervliet, G. Debrouwere.
LIEĜO : « Lieĝa Ago ». — E. Oger.
LIERO : «Liera Stelo ». — Jos. Leflot.
LOKEREN : « Durma Stelo ». — A. Roels.
MEĤLENO : Mehlena Grupo Esperantista. — A. Baesens.
NIEUWPOORT : Esp. Grupo : L. Braet.
SPA : Grupo Esperantista. — J. Desonay.
S-ta NIKOLAO : Grupo « Al Triumfo ». — R. Geerinck.
SCLESSIN-LIEĜO : « Grupo Esperantista ». — J. Bissot.
TIRLEMONT : Grupo Esperantista. — Em. Rodeyns.
VERVIERS : Grupo Esperantista. — Jos Hérion.

**Juĝantaro pri profesora kapableco :**

Efektivaj membroj : F-ino M. Jennen, L. Cogen, Cl. Vandevelde.
Anstataŭantoj : Oscar Van Schoor, A. Henraut, F. Mathieux.

Kandidatoj bonvolu sin anonci al la ĝenerala sekretario.

**Gazetara Servo :** F. Schoofs, Edg. De Coster.
**Radio-fako:** P. Kempeneers, Lod. Bas.

**Kotizo :** Fr. 20,— jare, inkluzive abono al «Belga Esperantisto».
**Poŝtĉeko : 1337,67** de Belga Ligo Esperantista.

Por la kroniko : la grupoj bonvolu havigi al nia Ĝenerala Sekretario sian koncizan raporton **je la 15a de ĉiu monato,** kun sia programo por la sekvonta monato.

16a JARO N-ro 3 (181) MARTO 1930.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Direktoro :
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 943.74

Abonopagoj kaj aliaj Monsendoj al :
Poŝtĉeko No 1337.67
de
BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj :** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, H. VERMUYTEN.
**Ekspeda Servo :** FR. COOL, O. VAN DYCK.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

### 19a BELGA ESPERANTO-KONGRESO.
**Lieĝo, 7-10 Junio 1930. Pentekosto.**

Vidu la provizoran programon de la kongreso en nia februara numero. Definitiva programo aperos en nia kajero de Aprilo.

La kongreskarto kostas Fr. 15,—. La prezo de la festeno estas provizore fiksita je Fr. 35.—. Detaloj pri loĝado, ekskurso k. a. estos baldaŭ komunikataj.

Estas dezirinde, ke la partoprenontoj informu kiel eble plej baldaŭ la Lokan Organizan Komitaton pri sia aliĝo. Adreso : S-ro R. Dechesne, Sekretario-Kasisto, Ernest Solvay Strato 1, Sclessin (Poŝtĉeko 2799.81).

### KUNVENO DE LA LIGA KOMITATO

La Ligestraro sendis al la grupoj cirkuleron pri la estonta kunveno en loko sciigito cirkulere. La Ligestraro alvokas ĉiujn komitatanojn kaj de la komitato. Tiu kunveno okazos en Bruselo, la 23an de Marto 1930, grupajn delegitojn, nepre ĉeesti tiun kunsidon, kaj petas ilin tuj konigi al la ĝenerala sekretario la temojn, kiujn ili deziras meti en la tagordon.

Tiu tagordo enhavas jam la jenajn punktojn : 1e, Akcepto de novaj grupoj; 2e, Situacio de B.L.E.; 3e, Difino de la jarkotizo ; 4e, 25-jara jubileo de B. L. E.; 5e, 19a Belga Esperanto-Kongreso : Definitiva programo; 6e, Ekzameno de la sintenado de la Ligo rilate al la lingvo uzata dum la oficialaj akceptoj ; 7e, Rea organizo de dua komitata kunveno ; 8e, Reelekto de la Ligestraro.

La Ligestraro insiste petas, ke la grupoj sendu nepre antaŭ la 15a de ĉiu monato informojn pri sia agado kaj la programon por la sekvonta monato.

# HISTORIO DE BELGUJO

## III

### La jarcento de Sendependeco.

Kiel ni vidis, la jarcento de Sendependeco, kiun festas la Belgoj dum la jaro 1930, verdire komenciĝis je la momento, kiam Nacia Kongreso decidis pri la apartiĝo de Belgujo.

Tiu antaŭira periodo tamen nur daŭris proksimume unu jaron, kaj en 1831 jam, kiel ni ankaŭ vidis, Belgujo posedis sian propran dinastion, tiun de la Sakso-Koburgoj, kunmetata de la Reĝo Leopoldo kaj de liaj rektaj kaj viraj heredontoj.

La jarcento de sendependeco do komenciĝas je tiu vera momento de la solena ĵuro de la unua Reĝo.

Ni ĝin dividos en tri bone difinitaj partoj, la reĝeco aŭ regno de Leopoldo la Ia, la regno de Leopoldo la II kaj tiu de la nuna Reĝo Alberto.

### Leopoldo la Ia.

La Reĝo Leopoldo naskiĝis en Koburgo, la 16an de Decembro 1790. Li partoprenis la batalojn kontraŭ Napoleono en 1813 kaj 1814, sed en 1815 kiam Napoleono, reveninta de la insulo de Elbo, rekomencis la militon, li estis ĉeestanta la Kongreson de Vieno, kaj la rusa armeo, en kiu li komandis kavaleri-regimentaron, ne partoprenis la batalon de Waterloo. La Princo de Sakso-Koburgo unue edziĝis je la Princino Ŝarloto, heredontino de la trono de Anglujo, kiu baldaŭ mortis. Li restis tiam vidvo, sed sen infanoj. En Februaro 1830 la Grandaj Eŭropaj Regnoj proponis al la Princo akcepti la tronon de Greklando, kiu ĵus liberiĝis el la turka dominacio, sed tiun ĉi li rifuzis akcepti. Kiam la Belgoj vokis lin al Bruselo, li jam vivis de multaj jaroj en Anglujo.

La 21an de Julio 1831 do, la Reĝo alveninte en Bruselo, faris la solenen ĵuron « **observi la Konstitucian Leĝon, kaj la leĝojn de la belga popolo, konservigi ĝian nacian sendependecon kaj la plenecon de ĝia teritorio** ».

Li nur de kelkaj tagoj estis en Belgujo, kiam la Holandanoj invadis Belgujon kun armeo de pli ol 35.000 soldatoj. La nacia armeo ne jam estis organizita, kaj kompreneble ĝi estis venkita de la malamikoj nome en Hasselto, la 8an de Aŭgusto; en Bautersen kaj en Loveno, kiu devis esti forlasata la 12an en la manoj de la Holandanoj.

Dume la Reĝo per sia ambasadoro en Parizo akiris la helpon de la franca armeo, sed, nekomprenebla stultaĵo, la ĉefoj de la belga armeo, kiuj tiam estis konvinkitaj ke ili kapablos forpeli la holandanojn, instigis la Reĝon restigi la francan armeon ĉe la limo de la Lando.

Kiam kelkajn tagojn poste la situacio iĝis tute ne plu duba, la Reĝo estis devigata sendi urĝan peton al la franca armeo, por ke ĝi tamen nun antaŭeniru.

Antaŭ la franca armeo la Holandanoj baldaŭ remarŝis, sed la novaĵo pri la diversaj venkoj de la Holandanoj, faris por Belgujo tute malbonan impreson sur la membrojn de la Konferenco de Londono, kaj tiel ni devis,

iom poste, akcepti la « **Traktaton de la 24 Artikoloj** », anstataŭ la unue akceptita « de Dekok artikoloj ».

La nova Traktato forprenis de Belgujo **parton de la provinco Limburgo**, nome tiun parton dekstre de la Mozo, ĝis sude de Maestricht, kaj **parton de la provinco de Luksemburgo**, nome la germanlingvan parton.

Kontraŭ la Grandaj Regnoj la malgranda Belgujo nenion kapablis kaj niaj ministroj subskribis la novan Traktaton, kompreneble post longaj diskutadoj en la Parlamento, kaj post akra kontraŭstaro de kelkaj membroj, el kiuj iu diris « Mi voĉdonas ne, du cent okdek sep mil foje: ne ! en la nomo de tiom da Belgoj, kiujn vi oferdonos pro timo ! ». Al tiu lirika frazo, la polemikisto Nothomb tamen respondis « Ne estas malhonoriga, cedi al Eŭropo, sed estas honoriga, ke antaŭ ol cedi, oni postulu, ke Eŭropo mem tion demandu! »

La Reĝo de Holando tamen ne akordiĝis kun la decido de la Grandaj Regnoj kaj rifuzis subskribi la novan Traktaton, kaj tiuj ŝtatoj tiam estis devigataj komenci militajn operaciojn kontraŭ Holando. La 19an de Novembro 1832, franca armeo komencis la sieĝon de Antverpeno, kiun ankoraŭ posedis la Reĝo Vilhelmo, dum brita kaj franca ŝiparo blokadis la Skeldon. La aliaj subskribintoj de la Traktato de protektado al Belgujo, nome Prusujo, Aŭstrujo kaj Rusujo kontentiĝis malaprobi Holandon kaj permesi la enmikson de la Britoj kaj de la Francoj.

La helpo de la Francoj estis precipe efika. La 23an de Decembro jam la franca marŝalo Gérard akiris la kapitulacion de la Antverpena fortikaĵo. Vilhelmo tamen ankoraŭ rifuzis cedi la fortikaĵojn Norde de Antverpeno nome tiujn de Lillo kaj de Liefkenshoek, kaj tio permesis al la Belgoj konservi dume, kompense, la nun holandan Limburgon kaj la nuntempe liberan ĉefduklandon de Luksemburgo.

Ni iomete antaŭeniru en la historio de la Regno de Leopoldo la Ia, kaj ni diru, ke nur la 19an de Aprilo 1839, la holanda Reĝo subskribis Traktaton, bazitan sur tiu « de la 24 Artikoloj». La holandanoj forlasis la Nordon de la provinco de Antverpeno; la Belgoj tamen devis rezigni je la cedo de la teritorio en Limburgo kaj Luksemburgo.

Ni konstatu, ke la subskribo de tiu Traktato, kiu poste estis lojale plenumata de ambaŭ Regnoj holanda kaj belga, en tre malmultaj jaroj restarigis la bonajn rilatojn, kiujn nur malbona kompreno igis dum dudek jaroj tiom malamikaj. De 1839 neniu malfacilaĵo plu ekzistis, nek en la oficialaj, nek en la privataj rilataj de la du popoloj, kaj la Belgoj kaj la Holandanoj iĝis plej bonaj najbaroj.

La Belgoj tamen ne estis atendintaj tiun oficialan aranĝon de 1839 por ekkomenci tuj la organizadon de la Lando, kiu kompreneble estis suferinta pro la diversaj ŝanĝoj de Regnoj, pro la Revolucio, kaj pro la tuj kaj subite okazinta milito.

La 29an de Aŭgusto 1831 estis elektata « Ĉambro » kun 102 membroj, kiun gvidis unueca registaro, kunmetata de reprezentantoj de la du tiam ekzistantaj partioj : liberala kaj katolika. Ni citas unue la liberaloj, ĉar unue ili sin organizis kiel partio, kaj ĉar estas ili, kiuj en

1840 kredis ni diru malprave, ke la tempo de kunlaboro de ĉiuj fortoj en la Nacio sufiĉe daŭris. Ilia unua ministerio, prezidata de Lebeau, daŭris unu jaron, kaj oni tuj reiris al la intima kunlaborado de ĉiuj.

En la jaro 1832, ni citu la edziĝon de la Reĝo je Princino Louise-Mario de Orleanso, plejaĝa filino de la reĝo Ludoviko-Filipo de Francujo.

Ankaŭ tiam komenciĝis la organizado de la juĝa povo, kiu estis daŭrigata ĝis en 1836 per la organizado de la komunumaj kaj provincaj leĝaroj; universitatoj malfermiĝis, nome : libera en Bruselo, katolika en Mehleno, respektive la 4an kaj la 20 an de Novembro 1834. (Unu jaron poste, la 1an de Decembro 1835 la katolika universitato de Mehleno estis translokita al Loveno). La 27an de Septembro 1835 leĝo pri la supera instruado restarigis la du ŝtatajn universitatojn de Gento kaj de Lieĝo.

Krom tiuj kelkaj informoj, ni devas ankaŭ noti dum la dek unuaj jaroj de la regno de Leopoldo Ia, la naskiĝon en 1833 de unua filo Ludoviko, kiu mortis kelkajn monatojn poste; la 9an de Aprilo 1835, de dua filo Leopoldo, kiu poste heredos de la sia patro la tronon kaj la kronon de Belgujo, kaj la 24an de Marto 1837, de tria filo Filipo, la patro de la nuna reĝo Alberto.

En la dua jardeko de la regno de nia unua reĝo, tio estas post la definitiva paco kun Holando, nia lando pli kaj pli disvolviĝis: la dinastio firmiĝis; la vivrimedoj en la lando kreskis, inter alie dank'al la fakto, ke Belgujo, la unua sur la Eŭropa kontinento, komprenis la utilecon de la fervojoj. La 5an Majo 1835 ĝi efektive inaŭguris la unuan linion de Bruselo al Mehleno, kiu estis baldaŭ daŭrigota ĝis Antverpeno, kies komerco iom post iom ekvekiĝis.

En 1848 la **Revolucio en Francujo** dum momento denove kreis timojn ĉe la belga popolo. Tamen la uragano forpasis, sen iu malbono por nia lando, krom, la 29an de Marto, la arestado en **Risquons-Tout,** apud la limurbo Muskrun' (Okcident-Flandrio) de grupo formata en Parizo kaj kiu kun la helpo de ses lernantoj de la militista lernejo, provis revolucieman ekatakon.

Je la fino de tiu jardeko, la 11an de Oktobro 1850 **mortis la reĝino Louise-Mario,** kiun la Belgoj sincere ploris, ĉar ŝi vere per sia konduto kontraŭ la malfeliĉuloj estis montrinta, ke ŝi amis sian novan patrujon kaj la popolon kies unua reĝino ŝi estis iĝinta.

La 10an de Aŭgusto 1853 **la Princo Leopoldo edziĝis** prokuracie en Schönbrunn, apud Vieno, je la ĉefdukino Mario-Hendrikino de Aŭstrujo, pranepino de Mario-Teresio. La oficialaj festoj de la edziĝo okazis la 22an de la sama monato en Bruselo.

La tria jardeko de la regno estis karakterizata per kelkaj pliaj citindaĵoj. Je politika vidpunkto, Belgujo renkontis malfacilaĵojn post la perfortaĵo de Ludoviko Bonaparte, la 2an de Decembro 1851, kaj la transloĝado de multaj francaj eminentuloj al Belgujo, kie ili libere povis paroli kaj skribi. Francujo, aŭ almenaŭ la francaj gvidantoj, volis altrudi al nia lando la silentigon de tiuj fremdaj gastoj. La tiama ministro de Eksterlandaj Aferoj tamen fiere en la Ĉambro sciigis, ke neniam li,

devigata de fremda Regno, proponus kian ajn ŝanĝon al la liberecoj, kiujn konsakris la Konstitucia Leĝo. Tiu respondo igis multajn francojn **pripensi la simplan anekson de Belgujo.** Sed nur kelkajn monatojn antaŭe, la Ĉambroj estis fiksintaj definitive la kunmetadon de nia armeo, kaj tiel estis pravigata la aserto, ke Belgujo devis posedi tian armeon por ke la Grandaj Regnoj diru « Belgujo estas tro malfacile prenebla; estas pli bone, ke ni lasu ĝin trankvila ». La francoj fine lasis ĝin trankvila.

Post kelkaj jaroj tamen, la Reĝo, ne forgesinte la lecionon, proponis la fortikigon de Antverpeno, kiel lasta defendloko. Ĉiuj sciu, ke la Antverpena komercistaro, kaj ankaŭ la tuta loĝantaro nur malbonokule vidis tiun decidon, kiu ĉirkaŭigis la urbon per remparoj, kiuj jam dufoje estis en la estonto formetataj pli malproksimen de la urbo, sed tamen ĉiufoje malfaciligis la evoluadon de la urbo.

La jaro 1856 estis okazo por grandaj festoj, de **la 25-jara reĝeco de Leopoldo la Ia**, kiu ankoraŭ poste dum preskaŭ dek pliaj jaroj estris nian landon.

La lastajn jarojn de sia vivo, nia unua reĝo uzis por akiri solvon al la demando, pri **la traira pago**, kiun niaj ŝipoj ŝuldis al Holando, ĉiufoje kiam ili trapasis la Skeldon, kies enfluejo estas en Holando.

En 1860 estis forigitaj la lastaj lokaj enir-impostoj, kiuj ekzistis ankoraŭ en ĉirkaŭ 80 komunumoj, sub la nomo de « **octroi** » aŭ **urba limiposto.** La Reĝo ankaŭ deziris, ke nia lando estu libera same venigi ŝipojn al nia granda haveno, sen devigo pro tio pagi al fremda nacio, kaj li ne hezitis, kvankam jam malsana, fari grandajn vojaĝojn tra Eŭropo por, per sia granda influo, akiri de la Grandaj Regnoj, ke ili serĉu aranĝon kiu plene liberigus nian nacian havenon.

La 12an de Majo 1863 **Holando akceptis la definitivan forigon de la pago,** kiun ĝi postulis laŭ la Traktato de 1839, kondiĉe ke Belgujo pagu al ĝi sumon de 36.278.566 or-frankoj.

Tiu sukceso, precipe granda per siaj konsekvencoj ne nur por Antverpeno kaj ties « hinterland », sed eĉ por la tuta lando, estis kiel krono super la grava laboro farita de nia unua Reĝo dum lia escepte longa regno.

La 10an de Decembro 1865 **li mortis preskaŭ 75-jara,** kaj kiam lia filo Leopoldo ĉe sia surtroniĝo komencis sian alparoladon per la vortoj: « **Belgujo, kiel mi, perdis patron** » ĉiuj ĉeestantoj, kaj la postan tagon ĉiuj Belgoj konsentis, ke la unua parolo de la nova reĝo estis profunda veraĵo. Leopoldo la Ia, same kiel lia edzino, estis konkirinta la koron de sia popolo.

## Leopoldo la IIa.

Se la Belgoj havis la grandan ŝancon, posedi kiel unuan reĝon, en la malfacilaj jaroj de la formiĝo de la nacio, princon prudentan, bone kaj favore konatan en preskaŭ ĉiuj Eŭropaj kortegoj, influan precipe en Anglujo, kies reĝinedzo li preskaŭ iĝis, ĝi havis saman feliĉon, kiam ili trovis en sia dua Reĝo, la viron kiu grandokule kaj grandspirite

rigardis la homojn kaj la aferojn, kaj kiun posedis la deziro pligrandigi sian landon, ne per militoj kaj mortigoj, sed per la koloniigo.

Sed ni ne tro antaŭenpuŝu nian alrigardon al tiu glora regno, sed revenu al la unua jaro de lia regado.

La 17an de Decembro 1865 li renovigis la solenan ĵuron, kiun iam faris lia patro.

Daŭrigante la politikon, sekvatan de sia patro, li helpis al la forigo de la « **baril-rajto** », kiu ankoraŭ ekzistis sur la ŝtataj vojegoj, kaj kiu malebligis la malmultekostan alvenigon de la varoj en la Belgaj komunumoj.

Antaŭ ol daŭrigi la pritrakton de la detaloj, kiuj interesas la landon, ni mallonge pritraktu la familiajn okazintaĵojn de la reĝo mem. La Reĝo havis nur unu filon Leopoldo'n, naskiĝintan la 18an de Februaro 1859 kaj mortintan la 21an de Januaro 1869. Krom tiu ĉi la gereĝoj havis nur filinojn, kiuj en Belgujo ne havas rajton je la krono, kaj oni do komprenos la duoblan malĝojon de la gereĝaj gepatroj je la morto de ilia juna filo. La tri filinoj de la Reĝo nomiĝis Louise (1858), Stefanio (1864) kaj Klementino (1872). En 1867 la frato de la Reĝo, la Princo Filipo estis edziĝinta je Princino Mario de Hohenzollern-Sigmaringen, kaj ŝajnis ke ilia plejaĝa filo, post la morto de la princeto Leopoldo, devos heredi la tronon de sia onklo: **la Princo Baŭdueno,** naskiĝinta la 3an de Junio 1869, tamen subite mortis en Bruselo la 23an de Januaro 1891, je momento kiam li jam estis akirinta la plenan simpation de la tuta nacio. Tiel fariĝis ke lia pli juna frato **la Princo Alberto iĝis kronprinco.**

Multaj faktoj estus citotaj el la vivo de nia dua Reĝo. Ni tamen devos ilin resumi kaj nur speciale halti iomete ĉe la Kongolanda-afero.

Kriza periodo estis por Belgujo la tempo de la milito inter Francujo kaj Germanujo en 1870. La registaro prenis ĉiujn decidojn necesajn por la protektado de niaj landlimoj kaj la defendo de nia teritorio. Dum tiu unua milito inter la francoj kaj la germanoj, ambaŭ militantaj landoj tamen respektis la neŭtralecon eternan, kiun ili altrudis al nia lando ĉe ĝia naskiĝo.

La regno de la dua reĝo vidis gravan evoluadon en la emo al politika samrajteco de ĉiuj civitanoj. En 1871 unua ŝanĝo en la elekta leĝo malaltigis la imposton necese pagotan por havi voĉdonrajton en la komunumo kaj en la provinco; en 1883 ricevis voĉdonrajton la civitanoj, kiuj kapablis legi, skribi kaj kalkuli; en 1893 oni definitive forlasis la impostsistemon en la voĉdona leĝaro, kaj oni ĝin anstataŭis per ĝenerala voĉdonrajto, mildigita tamen per la plurnombra voĉdonrajto, kiun akiris diversaj kategorioj de civitanoj. Ĉiuj civitanoj 25-jaraj havis unu voĉon; domposedantoj,edziĝintaj civitanoj kun infanoj,personoj kiu akiris certajn diplomojn, ricevis duan kaj eĉ trian voĉdonrajton. Ankaŭ ŝanĝoj okazis en la sistemo de la divido de la seĝoj en la parlamento. De 1899 tiu divido okazis laŭ la sistemo de la proporcia reprezentado. Tiuj ŝanĝoj en la leĝoj estis plirapidigitaj per la organizado de la socialistaj elementoj

en la lando, en aparta partio, — la partio de la laboristaro, — kiu unuafoje sin oficiale montris en 1885.

La plej tipa karakterizaĵo de la regno de Leopoldo la IIa, pro kiu cetere lia regno estas konata ankaŭ eksterlande, kaj eĉ de personoj, kiuj krom tio, nur scias malmulte pri la antaŭmilita historio de Belgujo, — estas lia granda laboro laŭ koloniiga vidpunkto, kiu igis lin post kelkaj jaroj suverenon de dua lando, en mez-Afriko, kiun li ankoraŭ antaŭ sia morto estos doninta al Belgujo, kiel kolonion.

Por bone kompreni tiun gravan laboron de nia dua reĝo, ni devas iomete reiri ĝis la unuaj oficialaj paŝoj de la tiama Duko de Brabanto. Princo Leopoldo dum sia juneco faris grandajn vojaĝojn. Li ne nur vizitis Eŭropon, sed ankaŭ la Orienton, Egiptujon, Hindujon kaj Ĥinujon. Kiam li, laŭ la Konstitucia Leĝo, iĝis membro de la Senato, la 9an de Aprilo 1853, li partoprenis en multaj priparoladoj, kiuj temis pri la materia, morala kaj intelekta prosperado de la Lando. Li tiel insistis en la Senato por la kreado de ŝiplinio inter Antverpeno kaj la precipaj orientaj urboj, kaj kiam li, en 1865, estis iĝinta reĝo, li pensis pri la praktika apliko de la teorioj, kiujn li defendis.

Kaj la 18an de Novembro 1875 okazis unua kunveno de la « **Scienca Societo de Bruselo**», kiun ĉeestis 450 membroj, inter kiuj multaj alilandaj scienculoj. Tiun ĉi unuan kunsidon sekvis la 12an de Septembro 1876 dua, nomata « **Geografia Konferenco** », kiu alkondukis al la starigo de la « **Internacia Afrika Ligo** ».

La programo de tiu Ligo, kiu estis kunmetata je la demando kaj sub la protektado de la Reĝo de la Belgoj, estis, laŭ scienca maniero, esplorigi la ankoraŭ nekonatajn partojn de Mez Afriko kaj tiel faciligi la kreadon de vojoj, kiuj permesus al la civilizacio enpenetri en la Afrikan kontinenton.

Je tiu momento jam la Reĝo havis klaran ideon, kaj li pli kaj pli okupis sin mem pri la afero. La 25an de Novembro 1878, la celo de la **Kongoriverego** », kies tasko estis serĉi en kunlaborado kun la citita Reĝo pli klare evidentiĝas per la starigo de « **Studkomitato de la Alta-** « **Ligo** », la plej praktikan rimedon de regula komunikado inter la Malalta-Kongoriverego kaj la alta parto; tiel ekscii ĉu estas eble havi komercajn rilatojn kun la enloĝantaro de la Alta-Kongo-provinco kaj eventuale fari la paŝojn por akiri al si la okupad-rajton. Nun ne plu temis nur pri humanaj aŭ sciencaj celoj, sed jam pri komercaj.

Kaj dum kvar jaroj ankoraŭ la Reĝo Leopoldo oficiale kaŝis la lastan parton de sia plano, la politikan celon de la tuta afero. En Marto 1882 fine, la « Internacia Afrika Ligo » kaj la « Studkomitato » estis anstataŭataj de la « **Internacia Ligo de Kongolando** », kiu reprenis la programon de la antaŭaj organismoj kaj nun malkaŝis sian politikan ideon akceptigi la faktan suverenecon en Kongo-lando de la Grandaj Regnoj.

La Reĝo Leopoldo intertempe estis iĝinta tre konata kaj tre simpatie

influa persono en Eŭropo, kiel iam estis lia patro, kaj la principa akordiĝo de la diversaj nacioj estis iom rapide akirita.

Kaj tiel jam la 26an de Februaro 1885, la Ŝtato fondita de la « Internacia Ligo de Kongolando » estis oficiale akceptata de la **Kongreso de Berlino**, kiel sendependa ŝtato sub la ĉefeco de la Reĝo Leopoldo. La 28an kaj la 30an de Aprilo poste la du Belgaj Ĉambroj permesis al sia Reĝo akcepti ankaŭ la suverenecon de tiu Afrika Ŝtato. Tiu permeso estis efektive postulata de la Konstitucia Leĝo.

Se, je tiu momento, la unuigo de la du ŝtatoj sub la sceptro de unu Reĝo estis tute persona, kaj se oficiale Belgujo ne estis interesata en la laboroj, kiujn la Reĝo efektivigis en Kongolando, estas tamen certa, ke jam de tiu momento, kelkaj eminentuloj komprenis la grandan planon de Leopoldo, kaj helpis lin realigi lian ideon.

En Belgujo tamen ne ĉiuj ŝajnis emaj iam repreni Kongolandon, kiel kolonion. Malgraŭ la fakto ke Kongolando estis proksimume 80-foje pli granda ol Belgujo kaj posedis ne tute konatajn, sed certe nekalkuleblajn, riĉaĵojn, grava parto de la parlamentanoj, kaj inter ili ĉiuj socialistaj reprezentantoj, kontraŭbatalis le ideon pri eventuala anekso de Mez-Afriko, kiel kolonio.

La Reĝo tamen daŭrigis sian laboron, ne nur en Kongolando, sed ankaŭ en Belgujo por akiri, iom post iom, pli da simpatio por la koloniiga ideo. Kaj fine la 3an de Februaro la Reĝo subskribis la **Traktaton de aneksiĝo de Kongolando al Belgujo**, kaj la 20an de Aŭgusto kaj la 9an de Septembro 1909 la du Ĉambroj akceptis definitive la projekton. En la Ĉambro, eĉ je tiu solena momento, la decido estis akirita nur per 90 voĉoj kontraŭ 48 kaj 7 sindetenoj.

Estis tamen pli ol tempo, ke la leĝo estu akceptata. Tri monatojn poste la Reĝo mortis.

Se, je tiu momento la koloniigo ne estus iĝinta fakto, pli ol verŝajne Belgujo neniam estus posedinta la belan kaj riĉigan kolonion, kiun la tuta mondo envias al ĝi. Militoj estis okazintaj por pli malgranda kaj certe malpli riĉa parto de la nigra kontinento.

Antaŭ ol fini nian superrigardon pri la regno de Leopoldo la IIa, ni ankoraŭ devas pritrakti alian temon, kiu same multe okupis la spiriton de la Reĝo, kiu per siaj rilatoj, pli bone eble ol la politikistoj, kapablis ekkoni la spiritstaton en iuj Kortegoj kaj ĉirkaŭ iuj ŝtatestroj, kaj la danĝeron, en kiu troviĝus Belgujo ĉe iu konflikto inter Grandaj Eŭropaj Regnoj, precipe se oni pripensas la staton de la Belga armeo dum lia regno.

En Belgujo la armeo neniam estis altŝatata. La Belgoj neniam estis komprenintaj ĝian utilecon, kaj la soldatoj ordinare estis malriĉaj kamparanoj aŭ mallertaj laboristoj. Je la soldatiĝaĝo, ĉiu viro devis partopreni loterion, kiu indikis, kiu estos kaj kiu ne estos soldato. Sed li, kiu tamen ne deziris iĝi soldato, havis la rajton aĉeti al si anstataŭanton. En la praktiko, do, neniu riĉulo, eĉ ordinare ne burĝa knabo eniris la rangojn de la armeo.

La Reĝo Leopoldo multe laboris por akiri la devigan soldatiĝon de ĉiuj Belgaj civitanoj. Tri tagojn antaŭ sia morto, li ankoraŭ havis la ĝojon subskribi per iom pli grandaj literoj ol kutime, la leĝon, kiun la Ĉambroj ĵus estis voĉdonintaj kaj kiu devigis unu filon el ĉiu familio — ordinare la plejaĝan, — soldatiĝi. Ni diras, ĝoje, ĉar laŭ la opinio de la Reĝo, nur la scio pri nia forto povus malhelpi la invadon de nia lando de la fremdaj armeoj okaze de internacia konflikto.

Ke li klare vidis, montris la postaj okazontaĵoj de la Granda Milito. La leĝo pri kiu ni parolas estis subskribata de li la 14an de Decembro 1909, kaj la 17an de Decembro nia fama Reĝo mortis.

## Alberto la Ia.

« La Reĝo mortis; vivu la Reĝo » estas kutima ekkrio, ĉe la foriro de Ŝtatestro. Tamen kiam la Princo Alberto faris siavice la solenan ĵuron kaj heredis de sia onklo la sceptron, oni povis demandi al si, kion li povos fari por postvivigi sin en la historio de la Lando, kaj por altiĝi je la famo de siaj du antaŭirintoj.

La Belgoj ne devis longtempe tion demandi al si. Gravaj, teruraj okazantaĵoj permesis al la juna Reĝo Alberto montri sin valorplena, en rolo, kiun li certe ne estis supozinta, sed kiun li plenumis kun tia lojaleco kaj tia kuraĝo, ke la tuta mondo lin admiris. Ni parolas pri la Granda Eŭropa Milito, en kiun Germanujo, kontraŭ ĉiuj internaciaj principoj kaj kontraŭ sia propra promeso, skribita en la Traktato de protektado, kiun ĝi subskribis kun kvar aliaj Grandaj Regnoj, — nin entrenis kiam ĝi almilitis nin sen kialo kaj invadis nian teritorion.

Sed ankaŭ tie ĉi ni komencu per la unuaj okazintaĵoj.

Kiam la Reĝo Alberto iĝis ŝtatestro, li estis 36-jara. Li estis edziĝinta la 2an de Oktobro 1900 en Munĥeno, je la dukino Elizabeto de Bavarujo, kaj al ili naskiĝis tri infanoj : la kronprinco Leopoldo, duko de Brabanto, naskiĝinta la 3 an de Novembro 1901 kaj kiu en Novembro 1926 edziĝis je Princino Astrid de Svedujo; — la princo Karolo, grafo de Flandrio, naskiĝinta la 10an de Oktobro 1903, kaj la Princino Marie-José, naskiĝinta la 4an de Aŭgusto 1906 kaj kiu la 3an de Januaro de la jubilea jaro 1930 edziniĝis je la Kronprinco Umberto de Italujo.

Krom la voĉdonado de kelkaj leĝoj kun socia celo, kiel leĝo pri la pensiumado de la karbo-ministoj, kaj de la leĝo pri la deviga instruado ĝis la 14-jara aĝo, nenio tre grava okazis dum la kelkaj antaŭ-militaj regno-jaroj de la Reĝo Alberto.

La internacia situacio de Eŭropo, la rilatoj inter Francujo kaj Germanujo, la ekzistado de du trioblaj unuiĝoj de Grandaj Regnoj, unuflanke, Britujo-Francujo-Rusujo kaj aliflanke, Aŭstrujo-Germanujo kaj Italujo anoncis nenion bonan, eĉ ne al ili, kiuj ne nur parolis pri pacifismo, sed kiuj ankaŭ deziris tuj praktike apliki siajn teoriojn.

Ni jam vidis, ke en 1909 la loteri-sistemo kun la anstataŭado, estis forlasita kaj ke deviga soldatiĝo de unu filo en ĉiu familio estis akceptita.
akceptita.

En 1913 jam evidentiĝas, ke ĉe invado de nia lando de unu,kiu ajn,el la najbaraj armeoj, la Belga armeo neniel povus kontraŭstari, kaj la Ĉambroj tiam akceptis la ĝeneralan devigan soldatiĝon, dum 15 ĝis 24 monatoj en la efektiva armeo kaj 13 jaroj en la rezervoj. Tiel la jara kontingento altiĝis ĝis 30.000, la dumpaca arme-forto ĝis 60.000 kaj la dummilita forto ĝis 340.000 soldatoj.

Idealisme oni povas bedaŭri tiun plialtigon de la soldataj devoj ; praktike oni devas nun bedaŭri, ke pro la tro longa prokrastiĝo de tiu radikala rimedo, ni mem estis allogintaj la malamikon per nia tro granda malforto. La Germana regno atakis nian landon efektive je momento, kiam ĝi sciis,ke la nova leĝo ne jam estis tute aplikata,kaj kiam do fakte ni ne disponis pri la aroj, kiujn ni supre citis.

Ĉu estas necese rememorigi la faktojn, kiuj okazis dum la periodo de 1914 ĝis 1918 ?

Post la krimo de Serajevo, la atmosfero en Eŭropo iĝis malpura. En la komenco de Aŭgusto, Germanujo sendis al ni ultimatumon, per kiu ĝi volis altrudi al ni la liberan trairadon de nia lando por siaj armeoj. Tio estis kontraŭ la traktato, kiun ĝi mem estis deviginta nin akcepti post nia sendependiĝo. Post mallonga kunveno kun la eminentuloj de la tri politikaj partioj, la Reĝo povis anonci, aplaŭdate de ĉiuj membroj de la Belga Perlamento, ke Belgujo faros sian devon, ke ĝi plenumos la defendon de sia neŭtraleco kaj la protektadon de sia teritorio. La 4an de Aŭgusto 1914, la germanaj armeoj invadis nian landon.

Ili renkontis en Lieĝo ne atenditan defendon. La fama generalo Leman, unua honora prezidinto de Belga Ligo Esperantista, malhelpis dum diversaj tagoj al la germanaj armeoj la trairadon. Fine, kiel antaŭvidite, la fortikaĵo de Lieĝo devis esti cedata al la invadintoj, sed la haltigo, kiu okazis tie antaŭ la Mozo, entute ŝanĝis la tiaman aspekton de la milita problemo.

Post Lieĝo, la germanaj armeoj devis dividiĝi en du partoj, unu kiu klopodos efektive kiom eble plej rapide antaŭeniri en la direkto de Francujo, alia kiu devos sin okupi pri la malforta, sed tiom kuraĝa belga armeo, kies forton la Germanoj unue estis malestimintaj. Diversaj bataloj okazis antaŭ ol la Germanaj regimentoj alvenis antaŭ Antverpeno, la plej grava fortikaĵo en la lando : Ni citu nur kelkajn nomojn : Aerschot, Loveno, kiu estis tute detruita per la fajro; Haelen, kie niaj soldatoj energie sin defendis, Waelhem, antaŭ Antverpeno, k. a.

Intertempe, pro la fakto ke Bruselo ne estis defendebla, la Reĝo kaj la registaro estis transloĝintaj al Antverpeno, sed la 9an de Oktobro, la fortikajoj antaŭ la urbo ne plu rezistis, kaj baldaŭ komenciĝis bombardado al la urbo mem, dum kiu pli ol kvarcent domoj privataj estis detruitaj.

La armeo intertempe estis tamen forlasinta la urbon, kaj kiam la Germanoj, post tri-taga bombardado, eniris Antverpenon, neniu soldato estis plu en ĝi.

Tiam komenciĝis la sistema retiriĝo de la belga armeo tra la du

Flandrioj, ĝis la IJzer-rivero, kies ĉirkaŭaĵoj estis teknike subakvigeblaj. Kiam la tuta Belga armeo estis trans la rivero, la kluzoj estis malfermitaj kaj inter la alvenintaj Germanoj kaj la Belgoj kuŝis larĝa rubando de akvo. Kvar jarojn, la Germanoj klopodis trairi ĝin. Neniam ili sukcesis. Kaj dum la tuta milito restis en tiu malgranda angulo de Okcident-Flandrio, anguleto de libera patrujo. Tie restis, en la marborda urbeto De Panne (La Panne), la Reĝo kun edzino kaj infanoj, el kiuj la plej aĝa la Princo Leopoldo, je la aĝo de 16 jaroj, memvole soldatiĝis.

La registaro tamen konsideris, ke estis pli oportune retiriĝi ĝis pli malproksime de la fronto, kaj ĝi akiris la rajton de la franca registaro, organizi siajn oficejojn en antaŭurbo de la franca haveno Le Hâvre, nomita Sainte-Adresse. Tie, dum kvar jaroj, laboris la registaro, sen kontrolo de la Ĉambroj, sed kiu de la komenco de la Milito estis kunmetata de reprezentantoj de la tri partioj, katolika, liberala kaj socialista. La iama prezidanto de la IIa Internacia Laborista Ligo, S-ro Vandervelde (socialisto), kaj la unua prezidonto de la Ligo de Nacioj, S-ro Hymans (liberalo), estis vokitaj de la Reĝo en tiun registaron, kiu ĝis tiam estis nur kunmetita el katolikaj reprezentantoj.

Dum la Belga armeo tiele retiriĝis trans la IJzer, la fortikaĵo de Namuro kun la helpo de francaj soldatoj alvenintaj en Belgujo ankoraŭ dum kelka tempo kontraŭstaris la antaŭenmarŝadon de la Germanaj armeoj, sed fine preskaŭ la tuta regimentaro de Namuro estis militkaptita.

La germanaj soldatoj iĝis malkontentaj pro ilia tro longa kaj neatendita deviga restado en nia lando, kaj la enloĝantaro de diversaj urboj, precipe de Dinant en Valonujo kaj de Dendermonde en Flandrujo multe suferis pro tio. Are civitanoj estis mortigitaj sen kialo.

Post la du unuaj militmonatoj, kaj krom la okazintaĵoj ĉe la IJzer-rivero, la vivo denove trankviliĝis en Belgujo, kiu tamen restis dum kvar jaroj sub severa kaj ofte kruela dominacio.

En 1918 tamen la fina venko de la kontraŭuloj de Germanujo, liberigis la Belgan teritorion, post kiam la Belgoj estis vidintaj la Germanajn soldatojn, kiuj faris la revolucion kontraŭ siaj oficiroj.

La « Traktato de Versailles », kiu finigis la militon, redonis al Belgujo du malgrandajn distriktojn iame belgajn, nome tiujn de Eupen kaj Malmédy, dum nia registaro estis komisiita prizorgi je la nomo de la Ligo de Nacioj, la administradon de du provincoj apud Kongolando Ruanda-Urundi.

La Traktato de Versailles devigis Germanujon repagi al ni ĉiujn sumojn necesajn por nia restarigo. Same kiel la ŝuldoj de Germanujo al la aliaj regnoj, ĝiaj ŝuldoj kontraŭ ni estis diversfoje reduktitaj, kaj ĵus, en la komenco de la jaro 1930, la Konferenco de Hago fine kaj pleninterkonsente, solvis la tutan demandon pri ŝuldaj repagoj.

Je tiu momento la paco, kiu jam de pli ol dek jaroj oficiale ekzistis inter Germanujo kaj nia lando, estas se eble ankoraŭ pli firme starigata

per tiu interkonsenta aranĝo, kaj ni povas esperi, ke la klopodoj de la oficialaj rondoj en preskaŭ ĉiuj landoj de la mondo, kondukos nin baldaŭ al internacia atmosfero ankoraŭ pli serena kaj al eterne paco.

Je nacia vidpunkto, ni nepre devas citi kelkajn okazintaĵojn el la postmilitaj jaroj.

Tuj post la milito, la ekzistanta voĉdonrajto estis anstataŭata de nova aranĝo per kiu ĉiu civitano vira havas la **voĉdonrajton simplan je 21-jara aĝo.** Plurvoĉa rajto ne plu ekzistas. La apliko de tiu sistemo, per la fakto, ke ĉiuj laboristoj per ĝi nun ĝuas rajton, kiel la pli riĉaj aŭ pli instruitaj civitanoj, fortigis la socialistan partion, kaj de post la milito, neniu partio plu posedis la plenan plimulton en unu el ambaŭ Ĉambroj. La sekvo estis, ke la sistemo de tri-partia registaro estis daŭrigata dum diversaj jaroj. Je iuj momentoj nur, la socialista partio, pro oportunecaj kialaj, dum momento ne partoprenis la direktadon de la aferoj.

Sub la ĝenerala demokratiga influo, multaj leĝoj estis akceptataj, kiuj plibonigis la laborstaton de la laboristaro. Ni nur citu la internacie konatan leĝon « **pri la ok laborhoroj**».

Sub la sama influo, la daŭro de soldatservo plimalgrandiĝis ĝis ok monatoj en la infanterio.

Grava demando, kiu naskis eĉ apartan politikon flandreman kaj nebelgeman partion, estas la flandrema demando. En diversaj ŝtupoj, la Parlamento klopodis doni al la flandroj la samajn rajtojn, kiel al la Valonoj. Oficiale kaj politike, kompreneble, tiu egalrajteco estis garantiita de la Konstitucia Leĝo; en la praktiko tamen, la fakto, ke multaj flandroj ne nur konas, sed regule uzas la francan lingvon, dum la Valonoj ne uzas nek konas la flandran, kreis specialan malfacile aranĝeblan situacion. En la regnaj administracioj, la valonoj povis okupi postenon ne konante la flandran lingvon, sed la reciproka supozo ne estis ebla Same la du ŝtataj universitatoj estis franclingvaj. Kaj ekzistis ankoraŭ multaj aliaj postuloj de la flandremuloj.

Fine, la Registaro, kiu estris la naciajn aferojn, je la komenco de la Jubilea Jara 1930 komprenis, ke estis ĝia devo entrepreni la necesajn paŝojn por alveni al la plena egaleco.

Principe, la jaro 1930 alportos do al la flandroj tiun oficialan egalrajton. Esperu ni, ke la praktiko en la unuaj estontaj jaroj, montros, ke la leĝoj akceptotaj solvis vere la tutan aferon.

La Belgoj, Flandroj kaj Valonoj povos tiam gajkore antaŭvidi la estontecon, kaj ĉiuj pli ol antaŭe eĉ kune, en sia propra lingvo rajtos kanti la jenajn versojn, kiujn, kiel fino de nia historio, ni citas tie ĉi, en nia internacia lingvo, ĉar ili ankaŭ aplikiĝas al la rilatoj inter la popoloj:

« Flandroj, Valonoj nur estas antaŭnomoj,
Sed Belgo nia familio nomo estas ».

Maur. JAUMOTTE.

# BELGA KRONIKO

AALST. — E. G. « Pioniro ». — Lundon, la 13an de Februaro, okazis en la grupo « Pioniro » disdonado de diplomoj al la laŭreatoj el la ekzameno organizita en Aalst de la Belga Ligo Esperantista. Tiuokaze de grupo aranĝis festeton dum kiu oni kantis, deklamis, kaj ludis komedieton : « Pro Dio, ne Esperantiston ». Poste, longa vico da sukcesintoj (27 personoj) ricevis el la manoj de la Prezidanto kaj ĝenerala Sekretario de Belga Ligo, — kiuj ambaŭ partoprenis en la juĝantaro por la ekzameno, — sian akiritan diplomon. S-ro Schoofs kaj S-ro Petiau gratulis la ekzamenintojn, la profesoron, kaj la gvidantojn de tiu vigla grupo kaj iliaj paroladoj finiĝis per aplaŭdoj de la tuta ĉeestantaro. Intima balo inter la gemembroj fermis la feston.

« Pioniro » akiris Esperantistajn gramofondiskojn kaj dum la kunventagoj oni disaŭdigas en la ejo sur laŭtparolilo esperantistajn ariojn. Por la estonta kurso de S-ro De Bondt, sin enskribis unuavice la skabeno de publika konstruado.

ANTVERPENO. — « La Verda Stelo ». Soc. sen prof. celo. La 25an de Januaro okazis festeno je l'okazo de la 23a datreveno de la fondiĝo de la grupo. Ĉirkaŭ bele ornamita tablo kunvenis aro da geamikoj, kiuj plej agrable ĝuis la bonan manĝaĵon preparitan en Restoracio « Reĝo Alberto », en kies bela salono estis organizita la festo. S-ro Jaumotte, prezidanto de la Direktanta Komitato trinkis je la sano de Ges-roj Schoofs, fondinto de la grupo, de Ges-roj Faes, sekretario, de F-ino Jacobs reprezentantino de la profesoraro, kaj de ĉiuj kiuj kunhelpis en la agado de la societo dum pasinta jaro. Li ankaŭ dankis S-ron Adv. Roost pro lia propagando en internaciaj rondoj de juristoj, kaj legis senkulpigajn leterojn de F-ino G. Van der Veken, de S-ro L. Ritschie kaj de S-ro R. Geerinck el S-ta Nikolao. S-ro Schoofs esprimis sian ĝojon pri la bona farto de « La Verda Stelo », kies efika laboro certe estas modelo por aliaj grupoj en la lando. Li dankas kaj gratulas la propagandistojn Antverpenajn kaj havis koran dankvorton por la gazetaro en Antverpeno, pro ĝia afabla kunlaborado. Je la nomo de la gazetaro parolis S-ro W. De Schutter.

S-ro D-ro P. Kempeneers, prezidanto de la Brusela Grupo, alportis amikan saluton de la samideanoj el la ĉefurbo kaj S-ro Faes, aklamigis la nomojn de S-roj Schoofs kaj Jaumotte, al kies edzinoj li prezentis belajn florojn.

Plej agrabla dancado finigis la vesperon.

Sabaton, la 1-an de Febr. cento da gegrupanoj faris la laŭtradician senĝenan promenadon « kun muziko » al la fama « Pulĉinela Kelo », kie ili ĉeestis reprezentadon. Post la ludado okazis plej gaja kunsido en la sidejo « Witte Leeuw ».

Sabaton la 8an okazis la laŭstatuta ĝenerala jarkunveno, prezidata de S-ro Fr. Schoofs, prezidanto de la Administrantaro. La ĉeestantaro aŭdis la raporton de la sekretario pri la pasinta jaro. El tiu raporto ni scias, ke la grupo organizis 9 kursojn, gviditajn de F-ino Jacobs, S-roj

Bastiaenssens, Boeren, De Ketelaere, Faes, Jaumotte, Roost kaj Schoofs. Estis disdonitaj 95 diplomoj al laŭreatoj el tiuj kursoj. Okazis paroladoj de S-roj De Schutter, Faes, Jaumotte, Schoofs, kaj Vermuyten. Kantis, deklamis aŭ pianludis S-ino Faes, F-ino Jacobs, F-inoj Cortens kaj Quintin, S-ro Schroeyers. Aparte estis cititaj la nomoj de S-roj Francart kaj Janssens, kiuj tiel bone gvidis la ŝipekskursojn al Kruisschans-kluzo. Multnombraj estis la vizitoj de alilandaj samideanoj al la grupo. Entute la raporto atestis pri intensa grupvivo.

S-ro E. De Coster, kasisto, raportis pri la financa situacio de « La Verda Stelo ». Tiu situacio estas tre kontentiga.

La prezidanto dankis ambaŭ sekretarion kaj kasiston pro la granda laboro de ili farita en 1929. Poste li konstatigas, ke la ĉeestantaro en la hodiaŭa kunveno ne atingas la proporcion postulatan de la statutoj por la elekto de 6 administrantoj kaj 2 komisaroj. Li anoncas do, ke dua kunsido tiucele okazos la 8an de Marto. Li prezentas kiel ĝisnunajn kandidatojn: Administrantoj: S-rojn E. De Coster, M. De Ketelaere, A. Faes, M. Jaumotte, F. Schoofs kaj G. Vermandere; Komisaroj : S-rojn M. Bolsius kaj L. De Hondt.

Post tiu oficiala parto la kunveno ankoraŭ priparolis rimedojn por pliviggligo de la grupa vivo. Novaĵo favore akceptita estis tiu pri la starigo de kantvesperoj, kies gvidadon bonvolas preni sur sin S-ro H. Boffejon.

BRUĜO. — **La 28an de Januaro.** S-ro Hérion prezidanto de la Verviersa grupo vizitis la grupon, kiu aranĝis je lia honoro komunan tagmanĝon kaj specialan kunvenon, dum kiuj oni bone amuziĝis S-ro Hérion faris interesan paroladeton pri la nacia kongreso en Lieĝo.

**La 31an de Januaro.** La kurso gvidata de S-ro Poupeye finiĝis kun granda sukceso. S-ro Pierre Jorris dankis la sindoneman profesoron nome de la gelernantoj kaj F-ino Thooris je l'nomo de la grupo kaj de « Belga Ligo ».

**La 11an de Februaro.** Okazis ĝenerala jara kunveno prezidata de F-ino Thooris, prezidantino de la Grupo. El la raportoj legitaj oni povas konkludi, ke la situacio de la grupo estas tre kontentiga kaj la gvidantoj de la Bruĝa Grupo meritas nian dankon.

BRUSELO. — **La 6an de Januaro** okazis la monata parolata ĵurnalo sekvita de amuza vespero.

**La 20an de Januaro.** — Ĝenerala kunveno de la grupo.

**La 27an de Januaro.** Tre interesa parolado de S-ro Charles Lavisse pri «Natura Silko». Ĉar li estas vere teknikisto en tiu fako, li klarigis la problemon el scienca vidpunkto: li parolis pri la deveno de la kulturado de la silka raŭpo, pri la diversaj manieroj ĝin kulturi ; poste li montris kiamaniere tiu kulturado estis enkondukita en Eŭropon, kiamaniere ĝi disvatiĝis precipe en Italujo kaj en Francujo. Li klarigis, kiel oni rikoltas la silkajn kokonojn, kiel oni teksas la unuajn fadenojn kaj poste la ŝtofojn Fine, S-ro Lavisse parolis pri Jean-Marie Jacquard, la fama eltrovinto de speciala teksilo, kiu ŝparigis multan tempon al la

laboristoj kaj havigis tiamaniere al ili pli grandan profiton. La ĉeestantaro multe interesiĝis pri interesplena parolado.

La 3an de Februaro. Okazis la kutima parolata ĵurnalo.

GENTO. — La grupaj kunvenoj kaj la novaj kursoj okazis regule ĉiumerkrede, je la 7a vespere en la kutima lernejo.

La 19an de Februaro, la gemembroj kuniĝis en ĝenerala kunveno por prepari la programon de la granda arta kaj propaganda festo, kiun la grupo organizas Sabaton 15an de Marto proksima.

HASSELTO. — La grupo estas definitive starigita. La prezidanto estas S-ro Nakaerts; Sekretario, S-ro Van Genechten, gekomitatanoj: F-inoj Adamkova, Janssens kaj S-ro Leŭtenanto Gool. Tiuj novaj geamikoj ageme laboras por propagandi nian aferon en Hasselt kaj ĉirkaŭaĵo; ili jam atingis belan rezultaton kaj ni povas esperi baldaŭajn novajn sukcesojn. Ni nur povas tutkore gratuli kaj danki niajn Hasseltajn gesamideanojn pro ilia bona laboro kaj deziri al ili daŭran sukceson.

La kursoj gvidataj de F-ino Adamkova, helpata de F-ino Janssens kaj S-ro Van Genechten bone progresadas kaj baldaŭ ni kalkulos en Hasselt belan aron da lertaj esperantistoj.

Laŭ la deziro de la kolonelo de la 11a Infanteria Regimento, S-ro Van der Beken, la grupo malfermis specialan kurson por la soldatoj; 64 lernantoj sekvas la lecionojn donatajn de F-ino Adamkova kaj Leŭtenanto Gool. Jen belega rezultato, pri kiu niaj amikoj en Hasselt povas fieri.

LIEĜO. — La kursoj sukcese daŭras. La organizantoj de la kongreso ageme preparas la programon de nia ĉiujara festo, kiu promesas esti tre alloga kaj agrabla.

LOVENO. — La tiea restarigita grupo ageme propagandas sub lerta direktado de la malnova sekretario S-ro De Keyser. La 16an de Januaro S-ro Kempeneers faris propagandan paroladon en franca lingvo kaj S-ro Devillen en flandra. Post tiuj paroladoj kursoj malfermiĝis por ĉirkaŭ 30 gelernantoj la mardon en franca lingvo kaj la vendredon en flandra. S-ro Devillen nova kaj fervora samideano gvidas la flandran kurson kaj S-ro De Keyser la francan. Niaj lovenaj amikoj laboras en plej entuziasma fervoro kaj ni rajtas esperi, ke post ne longe ilia grupo fariĝos unu el niaj plej gravaj kaj agemaj.

NIEUWPOORT. La nova grupo estas nun oficiale starigita sub la gvidado de la jena komitato: Prezidanto: S-ro Paul Huygebaert; kasisto: S-ro Henri Verfaillie; Sekretario: S-ro Léon Braet; komitatanoj: S-roj Paul Berguin, L. d'Haene, Carlos Constand, Benjamin Verborg, R. Vandenberghe kaj Paul Benoit, el Oostduinkerke.

Niaj novaj amikoj kuraĝe ekkomencis la laboron organizante novan kurson, kiu okazas ĉiumerkrede.

Ni deziras al la nova grupo longan kaj prosperan vivon kaj dankas la gvidantojn pro ilia sindonemo al la Esperanto-aferoj kaj precipe

Ges-rojn Braet, al kiuj ni ŝuldas la enkondukon de Esperanto en Nieuwpoort kaj la starigon de la grupo.

SCLESSIN. — La grupo regule kunvenas kaj ageme sinpreparas por la nacia kongreso en Lieĝo.

THIENEN (Tirlemont). — La kursoj okazas ĉiu dimanĉe de la 9½ ĝis la 11a matene. La Grupo bone laboras kaj antaŭvidas kontentigan progresadon.

VERVIERS. — La grupanoj regule kunvenas en la sidejo ĉiumerkrede por perfektiĝi en la lingvo kaj priparoli la propagandon de Esperanto.

La kurso okazanta ĉe la Reĝa Ateneo bone funciadas sub la gvidado de S-ro Hérion.

S-ino Borckmans daŭre gvidas la kurson ĉe la 4a. grado de la urbaj lernejoj. La profesorino interrilatigis siajn junajn gelernantojn kun infanoj el aliaj landoj. Tiu bonega rimedo tre interesas la korespondantojn kiuj lernas la lingvon kun granda fervoro.

WINTERSLAG. — La kurso gvidata de nia propagandistino F-ino Marie Adamkova bone progresas. La nombro de la kursanoj pligrandiĝis ĝis 36. La kurso okazas en « Hotelo de la Parko », kies posedanto, S-ro Vinken, afable metis tiucele salonon je la dispono de la profesorino. Li akceptu pro tio nian sinceran dankon. Ĉar multaj aliaj personoj sin prezentis, niaj tieaj amikoj antaŭvidas la organizon de dua kurso. Bonege! La semo, kiun nia Ligo ekjetis en la Limburga provinco leviĝas kaj promesas riĉan rikolton.

---

## GRATULOJ

Al Gesinjoroj **Ed. Van Beughem-Van der Haegen**, membro de « La Verda Stelo» kaj de UEA, en Antverpeno, al kiuj naskiĝis filineto Hilda, la 30an de Januaro 1930.

---

## NEKROLOGO

**S-ino Marie Hankel mortis en Dresdeno.** Ŝi estis preskaŭ 86-jara. Veninte al Esperanto en 1905, ŝi ludis grandan rolon en la Dresdena kaj en la Germana movado, kaj partoprenis kiel membro en la laboroj de la L.K.K. por la 4a Universala Kongreso de Esperanto. S-ino Hankel estis unu el niaj plej bonaj stilistinoj. Ŝi fondis la Esperantistan Literaturan Asocion kaj estis membrino de la Lingva Komitato. Ĝis siaj lastaj vivtagoj ŝi montris sian interesiĝon por nia lingvo kaj por nia movado. La adiaŭa soleno okazis la 19an de Decembro 1929. La funebrantaj familianoj, la Dresdena Societo kaj la Germana Esperanto-Asocio akceptu la esprimon de la profunda kunsento de la Belgaj samideanoj.

**S-ino Ernest Van Dyck**, patrino de S-ro Oscar Van Dyck, membro de «La Verda Stelo», mortis la 20an de Februaro. Sinceran kondolencon al nia samideano.

# EL LA PROGRAMOJ DE LA GRUPOJ

AALST. — **Esperantista Grupo « Pioniro ».** — **Lundon,** la 17an de Marto, je la 18 h. 30, S-ro De Bondt malfermos novan kurson en la urba lernejo Schoolstraat. Nur la 30 unuaj enskribintoj estos akceptataj.

ANTVERPENO. — **« La Verda Stelo ».** — Kutima kunvenejo : « Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France. Jarkotizo : Fr. 25,—. Poŝtĉeko : 726.54.

**Sabaton, 1 Marto :** je la 20 h. 30 Amuza kunveno. Kantlernado.

**Sabaton, 8 Marto :** je la 20 h. 30 Ĝenerala Jarkunveno : Dua kunvoko laŭstatuta por la elekto de la Administrantaro kaj de la Komisaroj.

**Mardon, 11 Marto :** je la 20a h. en la urba instruejo Belgiëlei, 99, Av. de Belgique : Malfermo de perfektiga kurso gvidota de S-ro Morris De Ketelaere. La lernintoj el la lastaj kursoj kaj aliaj membroj de la grupo estas invitataj ĉeesti.

**Merkredon, 12 Marto :** je la 20 h. 30 en la sidejo Kleine Hondstraat, 11 : Kunsido de la Direktanta Komitato.

**Sabaton, 15 Marto :** je la 20 h. 30 : Antaŭlegado el Esperanta libro.

**Sabaton, 22 Marto :** je la 21a h. : Festkunsido en « Brasserie de la Bourse », Twaalfmaandenstraat - rue des Douze-Mois, okaze de la disdono de diplomoj al la laŭreatoj el la kurso de S-ro G. Bastiaensens. Koncerteto kaj dancfesto.

**Mardon, 25 Marto:** je la 20 h. en la urba instruejo Belgiëlei, 99, Avenue de Belgique: malfermo de nova elementa kurso gvidota de F-ino Maria Jacobs. La membroj bonvolu propagandi por tiu nova kurso.

**Sabaton, 29 Marto :** je la 21a h. : Ordinara ĝenerala Kunveno de la membroj.

**Sabaton, 5 Aprilo :** je la 21a h. : Amuza vespero. Kantlernado.

**Jaŭdon, 24 Aprilo :** je la 20 h. : Nova elementa kurso, gvidota de S-ro M. Boeren.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista.** — **Mardon, 4 Marto :** Pro karnavalo kunveno ne okazos : kunvenejo ne libera.

**Mardon, 11 Marto :** je la 19a h. : Komitata kunveno. Je la 20 a h. : Supera kurso. Ortografia ekzercajo. Laŭtlegado. Prezido : F-ino Thooris.

**Mardon, 18 Marto :** Supera kurso. Ekzerciĝo de interparolado. Prezido : S-ro Poupeye.

**Mardon, 25 Marto :** Amuza vesperkunveno. Ludoj. Prezido : F-ino Kiere.

BRUSELO. — **Lundon, 3an de Marto :** Ĝenerala kunveno.

**Lundon, 10an de Marto :** S-ro Lavisse faros mallongan komunikon pri tre interesa propono.

**Lundon la 17an de Marto :** Parolata ĵurnalo.

**Lundon la 24an de Marto :** Amuza vespero. Dum tiu kunveno ni denove refaros la specialan konkurson jam proponitan de S-ro Castel.

**Lundon la 31an de Marto :** Doktoro Kempeneers diros kelkajn vortojn pri la disvastiĝo de Internacia Medicina Revuo dum la lastaj jaroj.

GENTO. — La grupo kunvenas ĉiumerkrede je la 7a vespere en la lernejo Nova Sankta Petro Strato No 47. La membroj estas insiste petataj akurate ĉeesti.

Sabaton, 15an de Marto: Granda arta kaj propaganda festo okazonta en la salonego « Guillaume Tell » kun la partopreno de la speciala orkestro de la Studenta klubo de la amatoroj de balalaikas « La Corde » kaj de la simfonio gvidata de nia samideano Advokato Paul Mast. Ĉiuj gesamideanoj estas kore invitataj.

VERVIERS. — Merkredon 12an de Marto : Parolado de S-ro Blause pri : « Travivaĵoj en internigejo en Nederlando ».

## BELGA GAZETARO

Nia Gazetara Servo dissendis informon pri la Ministra decido pri Esperanto en Grekujo kaj pri la rezolucio de la Nacia Unuiĝo de instruistinoj en Anglujo. Ni ricevis eltranĉaĵojn kun tiuj infermoj el « Gazet van Antwerpen », « De Nieuwe Gazet », « La Libre Belgique », « L'Indépendance Belge », « De Tijd-Het Volk ». Komunikoj pri la agado de nia Liga grupo « La Verda Stelo » aperas regule en ĉiuj Antverpenaj gazetoj, inter kiuj «De Nieuwe Gazet» donis raporteton pri la jarfesteno de tiu societo.

En Aalst ni notas regulan informadon pri la vivo de la grupo « Pioniro » per la gazeto « De Volkstem ».

« Belga-Radio », januaro, publikigas la kvaran lecionon de Esperanto kaj la policista gazeto « Ons Streven » de sama monato enhavas sian kutiman « Esperanto-Anguleton » pli ol unu-kolonan.

« Bondsblad voor België », organo de la kristana Ligo (Flandra sekcio), aperigas alvokon de la Internacia Kristana Ligo Esp. por lerni nian lingvon.

« De Diamantbewerker » alvokas la senlaborajn diamantlaboristojn por sekvi Esperanto-kurson, kiu okazas de la 10a de Febr. en la sidejo de la Diamantista Ligo.

« L'Antenne » priparolas la perradian konversacion en Esperanto inter la Pariza Grupo Esp. kaj la Nederlanda Societo.

## LA HAVENTRAFIKO DE ANTVERPENO DUM 1929

Dum 1929 la trafiko plialtiĝis kun 249 ŝipoj kaj 722.380 tunoj. La ciferoj de antaŭ la milito estas treege superitaj, t.e., ke post la neniigo de la trafiko dum la militjaroj, la haveno Antverpeno ne nur retrovis rapide sian antaŭan aktivecon, sed daŭre kaj notinde povis enregistri pliintensiĝon de la movado, kiel aperas el la jena statistiko :

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1913 ............ | 14.146.819 tunoj | 1925 ............ | 20.201.598 tunoj |
| 1921 ............ | 12.980.874 » | 1926 ............ | 22.793.537 » |
| 1922 ............ | 15.047.634 » | 1927 ............ | 23.490.300 » |
| 1923 ............ | 17.353.498 » | 1928 ............ | 23.604.634 » |
| 1924 ............ | 19.305.907 » | 1929 ............ | 24.326.939 » |

La meza tunkapacito estis en 1929 po 2219 tunoj por ĉiu ŝipo.

# LA EKSPOZICIOJ DE LA CENTJARA DATREVENO

La Belgoj havas tiun ĉi jaron belan okazon por ekkonigi al la eksterlandanoj sian tiom mirindan kaj belan landon.

La du ekspozicioj, kiuj estas organizataj en ambaŭ la valona kaj la flandra partoj de la lando, ankaŭ estas okazo por plenigi kelkajn korespondfoliojn per por alilandano interesa prozo.

La Belgoj per si mem povos post malmultaj semajnoj eksciiĝi pri la interesaĵoj, kiujn oni povos admiri en tiuj du Mondekspozicioj.

Ni kredas, ke estas oportune, resumi en nia ĵurnalo kelkajn informojn pri tiuj okazontaĵoj, kiuj tre certe jam aperis en la ĉiutagaj ĵurnaloj, sed kiujn niaj legantoj tamen eble ne posedas tiom koncize kunmetitaj.

Ni parolu hodiaŭ pri la ekspozicio, kiu malfermiĝos en Antverpeno la 26an de Aprilo proksima.

Tiu ĉi ekspozicio, por ke ĝi ne konkurencu la fratan organizaĵon de Lieĝo, havas tre bone difinitan programon, kiu enhavas la **koloniojn**, la **marajn komunikojn**, la **transporton**, la **ter-** kaj **ĝardenkulturon** kaj fine la **Flandran arton**.

La sekcio de la **Kolonioj** estas organizata tre larĝvide. Tie ne nur estos montrataj la produktoj, kiuj venas el la kolonioj, sed ankaŭ tiuj, kiujn la Eŭropaj landoj eksportas por esti uzataj en la kolonioj mem. Oni do povas diri, ke tiu ĉi sekcio interesas ĉiujn landojn.

La sekcio de la **maraj komunikoj**, kies precipaj sub-sekcioj estos tiuj de la ŝipkonstruado kaj de la navigacio, inkluzive la enlanda ŝipveturado. Ankaŭ estos enlasata en tiu sekcio ĉio, kio koncernas la administradon kaj la iiaron de la havenoj.

La sekcio de la **transporto** esence dividiĝas en la veturiloj por malgrandaj distancoj, la motorveturiloj, la aerveturado kaj la aeroplanoj.

La sekcio de la **ter- kaj ĝardenkulturado** ne devas esti plie priskribata. La titolo mem de la sekcio diras, kion oni tie povos admiri.

La sekcio de la **flandra arto**, kaj speciale de la malnova flandra arto estos unu el la plej belaj organizaĵoj en la ekspozicio. Ĝi estos certe la plej grandaspekta art-apoteozo, kiun oni iam klopodis kunmeti je l'honoro de la artkonceptoj en nia Lando.

Krom la veraj ekspoziciaj sekcioj, okazos dum la jaro 1830 sur la terenoj kaj en la galerioj de la Mondekzpozicio, multaj kongresoj kaj similaj internaciaj kunvenoj.

Ni nun diru ion pri la situo de la tereno. Ĝi kuŝas tute proksime al la centro de la urbo, laŭlonge de la malnovaj remparoj kaj fortikaĵoj kies restaĵoj estis tre zorge uzataj de la ĉefarkitekto por la aranĝo de belaj perspektivoj kaj eĉ por la organizo de tutaj sekcioj.

La tereno estas granda 60 Ha., kaj la tuta loko rezervita estas de nun okupata de la belgaj kaj precipe de la fremdaj komercistoj kaj industriistoj, kiuj laŭ neesperebla maniero kunlaboros al la sukceso de nia Mondekspozicio.

Tio evidentiĝos, kiam ni diras, ke ĝis nun Francujo, Alĝerio, Maroko, Tunizio, Granda Britujo, la Britaj kolonioj, la Malajaj insuloj, Nederlando, Nederlando Indio, Svedujo, Norvegujo, Latvujo, Italujo, Portugalujo, Kanado, Brazilo, Ĉilo, Kolombio, Peruo, Urugvajo, Ekvadoro, Kostariko kaj Japanujo anoncis sian oficialan partoprenon kaj jam komencis aŭ finis la konstruadon de gravaj paviljonoj.

Ankaŭ la partopreno de Aŭstrujo, Jugoslavujo, Ĉeĥoslovakujo, Rumanujo, Kubo, Meksikio kaj Guatemalo estas anoncataj kaj krome Grekujo, Danujo, Germanujo kaj Usono partoprenas laŭ neoficiala sed tial ne malpli impona maniero.

Tion montras la kelkaj ciferoj, kiujn ni citas ĉi sube pri la grandeco de la tereno, kiun kelkaj landoj rezervigis al si.

Britujo, kies montrejoj lokiĝas sur insulo formata per la iamaj fortikaĵoj, okupos 2 1/2 hektarojn; tiam sekvos Francujo kun 1 1/2 Ha.; Nederlando kaj Italujo kun 1, Germanujo kun 3/4, Brazilo kun 1/2 kaj Kanado kun 1/6 Ha.

Ekster la oficiala ekspozicio stariĝis speciala sekcio, nomata « Malnova Belgujo », kaj en kiu arĥitektoj rekonstruigis la precipajn malnovajn domojn, kiujn ni ankoraŭ posedas en Belgujo. En kelkaj malmultaj stratoj la fremdulo havos la okazon vidi amase starigitaj, la ĉefajn pentrindaĵojn de Belgujo laŭ arĥitekta kaj arĥeologa vidpunktoj. En tiuj « malnovaj » dometoj estos aranĝataj butiketoj, kafejetoj kaj aliaj vendejoj, en kaj ĉirkaŭ kiuj la promenantoj povos pasigi horon antaŭ aŭ post la vizito al la vera Ekspozicio. M. J.

---

# LA SURDA PATRINETO

**Friedrich HALM.**

Malfermas pordon iu vir'
kaŝiras tra domet',
revenas filo de l'migrad'
al surda patrinet'.

Kaj jen, rigardon levis ŝi,
ho dolĉa sorĉvortet'!
Okule kvazaŭ aŭdas lin
la surda patrinet'.

Li venas, ŝi ne aŭdas lin,
ŝi ŝpinis en ĉambret'.
Alpaŝas salutante li
kaj diras : «Patrinet'! »

Kaj ĉirkaŭbrakas ŝi nun lin
premante al korset' ;
korbatojn liajn aŭdas eĉ
la surda patrinet'.

Feliĉoplene sidas ŝi
ĉe l'filo en ĉambret' ;
anĝelan horon aŭdas nun
la surda patrinet'.

Tradukis : O. Drösslar.

# BONHUMORO

INTER EDZIĜINTOJ. — La nova juna edziĝinto. — Mia edzino povas paroli dum horoj pri kiu ajn objekto !

La malnova edziĝinto. — La mia eĉ ne bezonas havi objekton por tio.

ESTRO KAJ MAŜINSKRIBISTINO. — Estro. — Vi pretendas esti maŝinskribistino kaj vi ne eĉ kapablas meti novan rubandon sur via maŝino ?

Maŝinskribistino. — Ĉu Paderewski estas pianagordisto ?

LA MORGAŬMODA PENTRISTO admirigas sian lastan ĉefverkon je neatingita absurdeco, al sinjorino Novriĉulo, kiu volas pruvi sian klerecon :

— Kiel vi vidas, tio reprezentas simbolojn.

— Jes, jes, mi vidas... Estas mirinde ! Oni ilin preskaŭ aŭdas brui, tiujn cimbalojn !

EN LA GRANDA MAGAZENO. — Sinjorino. — Mi devis renkonti ĉi-tie mian edzon antaŭ du horoj. Ĉu vi ne vidis lin ?

La vendisto. — Eble, sinjorino. Kia li estas ?

Sinjorino. — Ho ! li devas esti proksimume blua pro kolero !

INTER KLUBANOJ. — Du maljunaj klubanoj sidante profunde en siaj apogseĝoj, interparolas pesimiste pri la nuntempa junularo.

— La nuntempaj junuloj apenaŭ volas edziĝi, diras la unua.

— Jes, respondas la dua. Oni diras, ke ili timas la edzecon. Mi, mi ne sciis tion kio estas la timo... antaŭ mia edziĝo!

EN RESTORACIO. — La kliento al la forsendita kelnerino. — Vi alportis nur unu sandviĉon ; mi demandis kelkajn por elekti.

La kelnerino, malbonhumora : Nu vi povas elekti: ĉu manĝi ĝin, ĉu ne manĝi !

INTER ANGLOJ. — Sro Brown. — Kaj kien vi iras pasigi vian libertempon ?

Sro Binks. — Mi ne iras pasigi mian libertempon !

Sro Brown. — Kaj via edzino ?

Sro Binks. — Ŝi, ŝi forvojaĝos al Brightsee kun sia patrino kaj... kun mi.

EDZO KAJ POLICANO. — Edzo. — Sinjor' Policano, metu min en malliberejon.

POLICANO. — Kial ?

EDZO. — Mi ĵus frapis sur la kapon de mia edzino per fajroekscitilo.

POLICANO. — Kaj vi mortigis ŝin.

Edzo. — Tute ne ! kaj estas pro tio ke mi petas ke vi metu min en ŝirmejon.

# DIVERSAĴ INFORMOJ

**La proksima Nacia Kongreso de la Franca Societo por la Propagando de Esperanto** okazos en Le Hâvre de la 18a ĝis la 21a de Aprilo (Pasko). Angla karavano de 30-40 gesamideanoj ĝin ĉeestos. La organizantoj esperas ke Belga Karavano tiuokaze ankaŭ deziros viziti la kongresurbon. Informojn petu de S-ro Marcel Bosc, ĝen. sekr. de la Nacia Esp. grupo, 98, rue Casimir Delavigne, Le Hâvre.

En Grekujo la Ministerio de Publika Instruado sendis cirkuleron al ĉiuj ĝeneralaj inspektoroj, por ke la instruado de Esperanto estu permesata en la sekundaraj lernejoj.

**La Nacia Unio de Instruistinoj**, dum sia kongreso en Canterbury, la 1-an de Januaro, akceptis la jenan rezolucion: « Kredante, ke la kresko de internacia kompreno dependas de pli intima kaj senpera interŝanĝo de ideoj inter la popoloj de la mondo, ĉi tiu konferenco opinias, ke oni devus alpreni kaj instrui internacian helpan lingvon kiel duan lingvon en ĉiuj lernejoj ».

**Perradia konversacio en Esperanto** inter Parizo kaj Amsterdam : Je la okazo de monata vespermanĝo de la 12a de Februaro, la grupo de Parizo faris interesan eksperimenton, kiu signas gravan paŝon en la simpligo de la internaciaj interrilataj radiofonaj. Laŭ interkonsento inter la Supera Lernejo de P.T.T. (dissendanta el la Eiffel-turo kaj la nederlanda stacio de Hilversum) okazis interparolado post la manĝo, de la 22 h. 45 ĝis 23 h. inter la Esperantistoj kunvenintaj el Hotelo Lutèce kaj holandaj samideanoj kunvenintaj en Amsterdamo. La komunikoj disaŭdigitaj per laŭtparoliloj estis sekvataj en ambaŭ lokoj de ĉiuj ĉeestantoj.

**La Internacia Transportlaborista Federacio**, organizis enketon pri la intereso, kiu ekzistas por la eldono en Esperanto de ĝia organo. Ĝi ricevis 143 enskribojn el 16 landoj. Tiu nombro permesas nur partan realigon de la plano. La federacio eldonos en Esperanto la gazetsciigojn, kiuj nun aperas en franca, angla, germana, hispana kaj sveda lingvoj.

**Malnovaj numeroj de « Belga Esperantisto ».** Unu el niaj abonantoj dezirus kompletigi sian kolekton per la n-oj 1 (25) Novembro 1919 kaj 1-2 (71-72) Jan.-Febr. 1921.

Alia abonanto deziras samcele n-on 2 (132) Febr. 1926.

Abonantoj, kiuj volus cedi tiujn numerojn, bonvolu skribi al la adreso de nia gazeto.

**Deziras korespondi :**

S-ro Gerhard Ritz, Deutsche Oberschule, Nossen i/Sa (Germanujo), 17-jara studento (Poŝtkartoj il. kaj leteroj).

S-ro Fr. Elias, lerneja direktoro, Orlova (Respubl. Ĉehosl.) interŝanĝas poŝtmarkojn.

S-ro A. Fehr, instruisto, Johan Brinckstrasse, 25, Koeln (Rh.), Germanujo, deziras havi korespondantojn en Belgujo por siaj junaj lernantoj.

# BIBLIOGRAFIO

**INTERNACIA KANTARO.** — Kolekto de 139 Popolaj Kantoj el 58 Landoj, 7 Esperantaj kantoj, rondkantoj kaj kantsalutoj, 3 famaj koncertarioj, kolektitaj, grandparte tradukitaj kaj prilaboritaj de Paul Bennemann, L. K.). Muzika Eldono. 4a-6a milo. 154 paĝoj 19x13.5 cm. Eldonis 1930 Ferdinand Hirt & Sohn, Esperanto-Fako, Leipzig. Prezo: Rmk. 4,— (B.fr. 34,—). La muzika albumo de la tekstaro aperinta antaŭ kelkaj monatoj sendube estos ĝoje salutata de ĉiuj grupoj kaj unuopaj Esperantistoj, kiuj povas elĉerpi el ĝi tutajn programojn por familiaj kaj societoj vesperoj. La laboro estas plej zorge prezentita : klaraj muziknotoj sur luksa papero.

**LISTO DE VORTELEMENTOJ por la kandidatoj de la Esperanto-ekzamenoj en la Esperanto-Instituto de Estonio.** — Okpaĝa folieto kun vortradikoj grupigitaj laŭ ilia senco. Praktika dokumento par ĉiu, kiu volas funde lerni la lingvon. Prezo nemontrita.

**LA VIVO DE LICEANO,** de E. Deligny, Profesoro diplomita de l'Internacia Instituto de Esperanto. 12 paĝoj 21x27 cm. Prezo. Fr. fr. 2,50 (B.fr. 3,50). Eldonis 1925 la aŭtoro: 4, rue Allent, Saint-Omer (P. d. C.) Francujo. — La kurso estas dividita en 12 lecionoj kaj celas instrui nian lingvon al liceanoj, per la rekta metodo. La materialo de ĉiu leciono estas praktike aranĝita, kaj multaj praktikaj frazaroj faciligas la lernadon de junaj studentoj.

**STRUIKELBLOKJES.** Een kleine verzameling moeilijkheden bij het vertalen in Esperanto. Door H. C. Mees. Tweede druk, 72 paĝoj, 13,5 x 19 cm. Eldonis 1929: N. V. Centrale Esperanto-Boekhandel, 's Gravenhage. Prezo: nemontrita. La titolo de tiu bonega libreto klarigas plej trafe ĝian celon kaj ni povas aldoni ke la aŭtoro sukcese trafis tiun celon. La volumeto estas bona gvidilo por ĉiu lerninto de Esperanto: ĝi donos al li la solvon de la malfacilaĵoj plej ofte renkontataj, precipe en la komenco, dum la traduklaboroj. Al la dua eldono ni deziras same favoran akcepton kiel havis la unua.

**DUDEKUNUA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO** (Budapest, 2-9 Aŭg. 1929). Oficiala Dokumentaro Esperantista. Eldonita de Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, 1 Tour de l'Ile, Genève. 116 paĝoj 15,5x22 cm. Kiel kutime tiu broŝuro enhavas la plenan oficialan kongresdokumentaron kun la Raportoj de la oficialaj institucioj de nia movado : I.C.K.., K.R., UEA., Akademio kun ĝiaj diversaj sekcioj: pri Komuna Vortaro, Gramatiko, Premioj, Teknikaj Vortaroj.

**DU FABELOJ DE FRATOJ GRIMM.** — Esperanto-Junula Biblioteko n° I. Esperantigis A. DEGEN. Eldonis : Heroldo de Esperanto, Köln, Germanujo. 24 paĝoj. 11,5 x 14. Prezo : Rmk. 0,30.

Bone prizorgita traduko el germana de « Frato kaj Fratineto » kaj « Ruĝĉapeto » en tre komprenebla fundamenta lingvo, memoriganta pri « La Feino ». Bonega tekstlibreto por junulaj kursoj.

# Belga Manufakturo de Industriaj Produktoj

Societo anonima (Fondita en 1872)

**18, RUE NEUVE, 18 -- LEDEBERG - APUD - GENTO**

TELEGRAF-ADRESO : "PERFECTA" GENT

TELEFONO : 635

---

Dozitaj analiziloj por la uzado de la industriaj akvoj.

Logika purigo per purigaj aparatoj aŭ en kaldronegoj kun aŭ sen aparatoj.

Senpera importado de industriaj oleoj kaj grasoj.

Stupo. Kaŭĉuko. Klapoj. Rimenoj.

Kotonrestaĵoj por purigi maŝinojn.

(107)

---

EKSPORTADO

CIF AL ĈIUJ HAVENOJ




**Niaj asbest-cementaj ardezoj, platoj ebenaj kaj ondoformaj multe uzataj estas por kontraktoj**
de la

**Belga Ŝtatfervoja estraro :**

TIO GARANTIAS ILIAN BONEGAN KVALITON

**Fabrikejo de Gipso - Cementaj Tegoloj kaj Kaheloj**

**Brikoj - Ter-tegoloj - Flandraj argilaĵoj**

# Scheerders-Van Kerchove's

VEREENIGDE FABRIEKEN *(Naamlooze Vennootschap)*

**SINT-NIKLAAS (Waas) - Belgujo**

(120)